ESPERANTISTO SLOVAKA

N-ro 2/2002

Socikultura kaj informa gazeto de skef

ISSN 1335-5031

Fondita en 1946 de Ernesto Váňa

## ANSTATAŬ LA ENKONDUKO - MANIFESTO AL IAMAJ SAMIDEANOJ

*Homaro kreiĝis perfekte kaj bele, sed ĝi sin dividis batale;*
*popolo popolon atakas kruele, frat' fraton atakas ŝakale.*

Tion ni denove konstatis en la pasintaj militjaroj. Sed malgraŭ tio, samideano, aŭ pli bone ĝuste pro tio, ni estas kaj volas esti esperantistoj, anoj de nia lingvo universala Esperanto, kiu anstataŭ dividi la popolojn celas unuigi ilin.

Kaj vi estis inter ni, vi ĉeestis la klubkunvenojn, aŭskultis la prelegojn faritajn en la belsona Zamenhofa lingvo, kaj kunlaboris por la propagando de Esperanto. Kio do povis vin senkuraĝigi, ke vi forlasis nian armeon da pacbatalantoj? Ĉu la fakto, ke Esperanto ne sufiĉe rapide venkis la mondon? Ĉu eble la klubkunvenoj ne estis sufiĉe allogaj kaj interesaj por vi? Ĉu eble la diverseco de opinio inter esperantistoj mem? Vi silentis kiel dezerto.

Kaj tamen mi estas konvinkita, ke via amo pro la internacia lingvo ne povas esti plu elradikigota. Mi estas konvinkita, ke profunde en via koro brulas ereto da via antaŭa entuziasmo por la mondlingvo kaj ĝia interna ideo.

Mi tial urĝe petas vin: revenu, revenu en niajn Esperantajn vicojn! Ne malfideliĝu al tia mirinda interkomprenilo, kia estas la lingvo de D-ro Zamenhof, kiu mem iam estis sola, kaj kiu malgraŭ sia grandega batalo por la interfratiĝo de la homaro kaj la disvastiĝo de Esperanto diris en sia *Preĝo sub la verda standardo*: „Ni ĵuris labori, ni ĵuris batali." Kaj ĉu necesas, ke mi memorigu al vi la vortojn: *„Eĉ guto malgranda konstante frapanta traboras la monton granitan"*.

La Esperanto-movado bezonas vin. Ĝi bezonas vin por defendi ĝin kontraŭ la indiferentuloj kaj por pli rapide disvastigi ĝin. Helpu nin en nia propagando. Kune ni estas fortaj, malgraŭ la bariloj. Rededicu vin do al Esperanto!

Vivu Esperanto, vivu la verda stelo!

*C. Nelson, Nederlando (El "Esperanto Internacia", vol. 11, N-ro 2, februaro 1947)*
*Ĉiu leganto fariĝu kunlaboranto! „Esperantisto Slovaka" č. 12/1947*

## Enhavo



## Abonpago

La abonpago de Esperantisto Slovaka estas libervola. Ni petas vin, ke minimuma sumo estu 200,- slovakaj kronoj por jarkolekto (por civitanoj en Slovakio), ĉar tia estas reala budĝeta prezo. Vi povas pagi per la poŝtpagilo "A" laŭ la ekzemplo en la n-ro 3/1999.

Nomo de la banko: **POĽNOBANKA POPRAD**
numero de la konto: **354 16 89/1200**
nomo de la konto: **SKEF, SLOVAKIA ESPERANTA FEDERACIO, SLOVENSKÁ ESPERANTSKÁ FEDERÁCIA, Sobotské nám. 36, 058 01 POPRAD**
**IČO: 36155543.**

Bonvolu sendi al la adreso de la ekonomiisto ankaŭ fotokopion de la poŝtpagila kupono. Ĉe via komuna kelkpersona pago ni petas sendi la liston kun ĉiuj nomoj kaj adresoj. La redakcio kore dankas al vi.

**Peranto por Ĉeĥa respubliko estas Vladislav HASALA, A. Dvořáka 1, CZ - 696 62 STRÁŽNICE.**

***Por ĉi jaro estas ĉi numero la lasta. La eldonantoj pardonpetas ĉiujn siajn legantojn kaj petas ilian komprenemon pro personecaj malfacilaĵoj dum ĉi-jara eldonado de la bulteno. Por venonta jaro ni klopodos tenis la kvaronjaran eldonritmon kaj eldoni kvar numerojn. Ni povas ĝojigi vin, ke ni venontjare povas ankaŭ malplialtigi la abonkotizon.***

***Por la kontribuaĵoj de la kuranta numero ni dankas al: P. Baláž, K. Bodnárová,*** *M. Feifičová, A. Ferreira, J. Gondžúr, V. Hasala, A. Komlóši, S. Marček, J. Mikloš, V. Němec, P. Petrík, J. Rechtorisová, H. Seres, N. Šándorová, M. Tomašovičová*

Fino de la redakta laboro: 17-11-2002
Eldonkvanto de la numero: 200 pecoj

***Redakta konsilantaro:***
Ľubomír FAJTH
Katarína BODNÁROVÁ
Magdaléna FEIFIČOVÁ
*teknika redaktorino*
Vladimír NĚMEC
*lingva redaktoro*

***Adreso de la redakcio:***
Ľubomír FAJTH
Rozkvet 2023/45-17, 017 01 POVAŽSKÁ BYSTRICA
*tel.: 0907/486-866*
*retpoŝto: esperanto@bb.telecom.sk*

***Adreso de la ekonomiisto:***
Ladislav NULLASZ
Záborského 2914/7, 058 01 POPRAD
*tel.: 0905/226-925*
*retpoŝto: laoc@post.sk*

*La kontribuaĵojn por la n-ro 1/2003 ni atendas ĝis la 31a de januaro 2003*

*...nian SKEF-prezidantinon, kiu pri sia Esperanta vivo parolas tre modeste.*
*Do, jen kelkaj vortoj pri si mem de*

# MÁRIA TOMAŠOVIČOVÁ



Mi naskiĝis la 1-an de februaro 1929 en Nitra. Kun Esperanto mi renkontiĝis la unuan fojon en la jaro 1945, kiam mi vizitadis Komercan akademion en Trenčín. Esperanton kiel nedevigan instruobjekton instruis s-roj Jozef Mistrík kaj Eduard V. Tvarožek. Poste en la jaro 1947 kune kun Magda Seppová (Šaturová) mi komencis labori en E-movado. Ni organizis kursojn, kunvenojn kaj fondis en Nové Mesto nad Váhom E-klubon. Somere en la jaro 1947 ni partoprenis la 1-an Tutslovakan E-kongreson en Martin.

Poste ni organizis kelkajn regionajn kunvenojn kun riĉa programo, kiujn partoprenadis gesamideanoj el proksimaj kaj eĉ el malproksimaj lokoj.

En la jaro 1950 mi edziniĝis kaj translokiĝis al Matejovce ĉe Poprad kaj longan tempon mi ne okupiĝis pri nia internacia lingvo. Sed la amo al la ideo kaj al la lingvo restis en mi.

Post kelkaj jaroj, kiam mi denove revenis al Nové Mesto nad Váhom, alparolis min Milka Lukáčková el Piešťany kaj petis min helpi ĉe preparo de la „Internacia somero“ en Sĺňava. En Piešťany tiutempe estis vigla E-vivo. Mi tre volonte helpis al ili, kaj vere ekde la 7-a ĝis la 20-a de julio 1968 okazis en Sĺňava la Internacia Somero, kie instruis ankaŭ s-anoPaŭlo Rosa, Ján Lamačka kaj aliaj konataj E- instruistoj. Poste mi aliĝis al E-klubo en Piešťany, kie sub la gvidado de s-anino Milka Lukáčková EK bone funkciis.

Fine de la jaro 1969 mi sukcesis fondi en VUMA, N. Mesto nad Váhom, kie mi laboris, E-rondeton ĉe Revolucia Sindikata Movado (ROH). Mi volis daŭrigi bonan tradicion, kiun iam komencis Magda Šaturová-Seppová.

El tiu periodo mi mencias almenaŭ unu renkontiĝon, kiu okazis la 12-an de decembro 1970. Ĝi estis frukto de la kunlaboro de la kluboj el Trenčín, Nová Dubnica, Piešťany kaj Nové Mesto nad Váhom. Ĝi estis post longaj jaroj la unua ĉi-speca renkontiĝo en nia urbo. La renkontiĝon gvidis s-ano Eduard V. Tvarožek.

Poste en la jaro 1988 mi kun helpo de nia Urba Kultura Centro fondis E-klubon ĉe la Urba Kultura Centro (MsKS) en Nové Mesto nad Váhom. Ni renkontiĝadis ĝis la jaro 1992. Bedaŭrinde post tiu tempo en nia urbo la Esperanta fajrero estingiĝis. Kelkaj anoj forveturis kaj aliaj preferis aliajn interesojn. Mi plue daŭrigis en E-movado. Longe mi estis funkciulino de la Okcidentslovakia Esperanto Asocio en Trnava, poste en Esperanta Societo en Bratislava. Samtempe mi estas anino de IKUE- sekcio en Slovakio kaj de SKEF.

Laŭeble mi vizitadas Esperantajn naciajn kaj internaciajn kongresojn kaj diversajn Esperantajn aranĝaĵojn.

## ŽILINANOJ PREPARAS NOVAN ARKIVON DE SKEF

Jam longan tempon penas la estraro de SKEF trovi konvenan lokon por arkivi Esperantajn materialojn. E-klubo en Žilina sukcesis helpe de s-ano Ľ. Fajth akiri parton de la malnova lernejo en Udiča por tiu ĉi celo. S-ano J. Gondžúr tiucele subskribis nome de MEL kontrakton kun la vilaĝestro de Udiča pri senpaga eluzo de tiu loko.



La arkivo estas post kelkaj laborbrigadoj de Žilinanoj nun preparita por alveturigo de bretaroj. Necesajn bretojn por libroj promesis certigi s-ano J. Vajs nur kontraŭ malalta prezo. Post ilia prizorgo ni povos alporti ĉi tien jam la unuajn librojn.

Dankon al ĉiuj aktivuloj, kiuj tie jam laboris dum multaj horoj. Mi volus mencii precipe ges-anojn Ľ. Fajth, M. Valášek, M. Salát, J. Kostolná kaj J. Staníková.

Kiam en la arkivo estos libroj kaj aliaj E-materialoj, ni invitos ĉiujn volontulojn helpi ĉe ilia prilaboro.

*J. GONDŽÚR*

## ŽILINA-A TURISMA AŬTUNO 2002



Jam tradicie fine de la monato septembro organizas la E-klubo en Žilina turisman semajnfinon. Ĉiuj antaŭaj ekskursoj okazis en la montaro Malgranda Fatra. Ĉi-jare ni interkonsentis organizi la ekskursojn pli malproksime – en la montaro inter Orava kaj Liptov regionoj. Ni eluzis la kabanojn de la Žilina-a Universitato en Brestová ĉe Zuberec.

La renkontiĝon partoprenis 13 turistoj el Žilina kaj Liptovský Mikuláš. Post la vendreda vespera informprelego pri ekskursoj far de M. Valášek ni sabate pro malbona vetero ekskursis tute aliel. A kaj B grupoj ĉirkaŭiris en neĝo nur la montarlagojn de Roháče. Posttagmeze ni banis nin en varmega akvo en Oravice. Dimanĉe ni vizitis popolan lignoskulptiston kaj poste trarigardis muelilojn en Oblazy en la valo de Bobrovec.

Malgraŭ nekredeble malbona vetero la semajnfino estis vere sukcesa. Ĉu venontjare ne ĉeestos ĝin ankaŭ vi? *J. GONDŽÚR*

## OSES-AGADO EN 2002

Vizitis nin tri germanoj pluveturintaj al Hungario, okazis renkontiĝo ĉe Zlatica Pálfyová en Komárno, el Viena muzeo estos pruntitaj videobendoj.

La 5-a E-bazaro okazis la 15-an de junio 2002 en Dunajská Streda, en la domo de Z. Pálfyová. Estis tie ekspozicio de diversaj E-libroj, lernolibroj, vortaroj kaj aliaj E-materialoj, kiuj ankaŭ estis aĉeteblaj.

*Nataša ŠÁNDOROVÁ*

## ESO-ARANĜOJ EN 2002

Ni sukcesis realigi niajn planitajn ekskursojn, dum kiuj akompanis nin nur belega vetero.

La 24-an de aŭgusto ni ekskursis al Martin. Kune kun MEL-anoj ni vizitis kaj florornamis la tombojn de niaj konataj esperantistoj. En la Nacia Tombejo ripozas la komponisto Ján Valašťan Dolinský, la fama pentristo Martin Benka, la E-aktivulo kaj redaktoro de Esperantisto Slovaka Ľudovít Izák kaj la ŝatata poeto kaj tradukisto Eduard V. Tvarožek. Ni trarigardis ankaŭ la Muzeon de Martin Benka. Ĉi tie en la depozitejo troviĝas ankaŭ lia bildo: Nia Majstro L. L. Zamenhof.

Sabate la 14-an de septembro okazis jam la tradicia EMAKARO. Jarka Rechtoristová gvidis nin al Hainburg. Ni veturis per la ŝipo „Čadca“ nur kontraŭ 35 slovakaj kronoj tien kaj reen. Partoprenis 13 gesamideanoj kaj ĉarmega hundino de Martin Minich. Nia celo estis burgruinoj super la urbo kaj promenado ĉe Danubo. Imagu, la ŝipa reenvojaĝo ĝis Devín daŭris nur sep minutojn.

Ernesto Geleta invitis nin sabate la 5-an de oktobro partopreni jam la 20-an Ĉedanuban Renkontiĝon en Komárno, kie ni admiris la Eŭropan korton. Vere estas inde vidi ĝin!

Tiujn ĉi tri aranĝojn ni planas ripeti ankaŭ en la jaro 2003. Al Hainburg kaj Komárno/Komárom (ĝin eblas atingi piedtrairante la Elisabeth-ponton) ni invitos ankaŭ aŭstrajn kaj hungarajn geesperantistojn.

Atendas nin ankaŭ la lasta planita ekskurso al Vieno, kie ni sabate la 14-an de decembro planas partopreni la solenan vesperon en Pola Kultura Instituto, kiu okazadas ĉiu-jare por rememori la naskiĝtagon de nia Majstro L. L. Zamenhof. Ni forveturos je la 11.02 horo el la bratislava fervoja ĉefstacidomo.

ESO denove eldonadas sian bultenon ESO-kuriero.

*A. KOMLÓŠI*

## TAKIS

Ekde la 2a ĝis la 5a de septembro en la slovaka urbo Nitra okazis la 7-a kongreso de TAKIS (Tutmonda Asocio pri Kibernetiko, Informadiko kaj Sistemiko). Gastigis ĝin la Universitato de Konstanteno la Filozofo (UFK). La kongreso markis novan sekcion en la historio de TAKIS, estante ĝia unua kongreso post la pasintjara malfondo de ties ĝemela asocio AIC (Association Internationale de Cybernétique). Prof. Frank, la vicprezidanto de TAKIS, emfazis, ke TAKIS ekde nun okazigos siajn kongresojn ankaŭ en la tradicio de la AIC-kongresoj, kiuj dum jardekoj okazis en la belga urbo Namur.

La sciencaj kaj teknikaj prelegoj dum la kongreso okazis en la lingvoj slovaka, ĉeĥa, angla kaj Esperanto. Dum la estraraj elektoj reelektiĝis prof. Eva Poláková kiel prezidanto de TAKIS.

Sian sekvan kongreson TAKIS planas por la jaro 2005.

*Reinhard FÖSSMEIER, TAKIS*

*fonto: ret-info, http://www.eventoj.hu*

*Dum 30 jaroj bedaŭrinde jam forpasinta germana samideano Hugo RŐLLINGER serĉis kaj dokumentis Zamenhof/Esperanto-objektojn (mallongige ZEOjn). Lia riĉa rikolto, pli ol milo da ZEOj el 54 landoj sur kvin kontinentoj rezultis en la fascina libro MONUMENTE PRI ESPERANTO eldonita pere de la UEA.*
*Evidente la unua ZEO estas la ŝipo Esperanto, konstruita kaj ennavigaciita en Hispanio en la jaro 1896, nur naŭ jarojn post la apero de Esperanto. Por ni estas interese, ke la unua Zamenhof-monumento estis inaŭgurita en la jaro 1914 en Františkovy Lázně sur la teritorio de la tiama Aŭstro-hungara Imperio, nuna Ĉeĥio. En Slovakio la libro mencias la hotelon Esperanto en Pribylina kaj la tabulon de Tibor Sekelj en Spišská Sobota.*
*Intertempe aldoniĝis pluaj ZEOj en nia lando kaj jen ni volas prezenti al vi unu el ili:*

## BONVENON EN VLČANY!

Estis 1998, la jaro de la Montpeliera UK. Iun printempan tagon mi prenis adekvatajn inform-materialojn pri nia movado, ilustraĵojn pri ekzistantaj ZEO-j, pezan imponan albumon, kiu respegulas la brilajn panoramojn de la kongresurbo en 1993 - Valencio, enhavanta afablajn dediĉajn vortojn de la urbestrino, la grandanima donacinto, mi almetis la fotografaĵon faritan pri ni ambaŭ dum la momento de la transdona akto. Tiel ekipita mi aperis ĉe nia urbestro, d-ro pri juro Jozef Czibula. Lia nomo iom poste fariĝis larĝe konata en Esperantio. Atente li aŭskultis min kaj trarigardis ĉion. Sekve, akceptis la proponon: aldoni Esperantan varianton al niaj apudĉefvojaj, kvarlingvaj salut-tabuloj. La tabuloj portas la kolorojn de la vilaĝ-simbola flago, el kiuj unu strio, ĝuste la verda, estis neokupita! Post nelonge li sciigis min, ke la ideo estas realigita, je la honoro de Esperanto kaj la tiujara UK en Montpeliero.




Pri la evento (kaj la avantaĝoj de Esperanto) mi adresis franclingvan leteron al la urbestro de la citita urbo, aldoninte fotojn pri la tabuloj. Unu el tiuj, grandformate, figuris poste sur unu el la paneloj de la Esperanto-tema ekspozicio, prezentita en la vasta halo de la urbodomo. Samtempe aperis mia raporto pri la propra "mikrokampanjo 2000", kun la foto de la tabulo, en ESPERANTO (julio-aŭgusto 1998).

Same mi direktis germanlingvan leteron al la urbestro de Berlino antaŭ la tiea UK en 1999 kaj okaze de la urbodoma akcepto denove mi transdonis saketon al la gastiganta ŝtatsekretario kun vilaĝ-simbolaj objektetoj, inter ili silka flageto, miniatura kopio de la salut-tabulo kun la kvin-lingvaj surskriboj, unu el ili germanlingva! La etoso gajnis amikecan karakteron...

Al la publikigaĵo pri la inaŭguro (en la revuo ESPERANTO julio-aŭgusto, EL POPOLA ĈINIO n-ro 11, ambaŭ de 1998) reagis pli ol 50 aferŝatantaj gesamideanoj, de Argentino ĝis Japanio, per belaj bildkartoj, adresitaj al la realiganto de la tabuloj, la urbestro (d-ro pri juro Jozef Czibula, 92 584 Vlčany).

*Same multan laboron mi investis al la kampanjo por inkludi ZEO-n en la "Eŭropan Korton" de Komárno, petante kunhelpon de pluraj E-instancoj kaj aktivuloj, sed sciigon de interveno mi ricevis nur de la nuna prezidanto de UEA kaj de amika germana funkciulo. Nu, ni fidu je nova koncepto de novaj estroj "universalaj".*

*Helena SERES, Vlčany*

*Slovakion dum la fortaleza Universala Kongreso reprezentis Stano MARČEK el Martin, kiu samtempe la unuan fojon partoprenis la universalan kongreson kiel la redaktoro de la UEA-organo Esperanto.*

## LA ĈI-JARA UK ESTIS FASCINA

La 87-a Universala Kongreso de Esperanto okazis komence de aŭgusto en la brazila urbo Fortaleza, dumiliona ĉefurbo de unu el la 28 federaciaj brazilaj ŝtatoj, Ceara, sur nord-orienta bordo de Atlantiko, proksime ĉe la ekvatoro. Kvankam la kongreso okazis en aŭgusto, en tiu ĉi por ni fora kaj ekzota mondo-parto estis „forta vintro“ (almenaŭ laŭ la indiĝenoj: „ja blovis vento“, kiu faris la tropikan varmon tute eltenebla).




Nia ĉi-jara plej grava E-aranĝo kunvenigis preskaŭ 1 500 esperantistojn el 60 landoj, el kio pli ol duono estis - plejparte junaj - brazilanoj. Gejunuloj en la verdaj T-ĉemizoj kun la kongresa emblemo, la ĉie troveblaj, afablaj kaj ridetantaj LKK-anoj, modele zorgis pri la riĉega programo.

Al la plej fascinaj travivaĵoj de la ĉi-jara UK certe apartenas kulturaj aranĝoj, en kiuj dominis la brazila karnavala atmosfero, temperamentaj dancoj, la belega brazila muziko. Dum la Nacia Vespero prezentis la spirhaltigan karnavalan atmosferon la ensembloj Maracatu Az de Ouro kaj Tapera das Artes, neforgeseblaj estis danco-spektaklo de la infana ensemblo Edisca aŭ talentaj gitaristoj kaj kantistoj, kiuj ofte kantigis la tutan salonon.

Admirindaj estis la ekskursoj al Canoa Quebrada, la plej fama plaĝo de Ceará, la iama tutmonda "pilgrimloko" de hipioj; Lagoinha, antikva haveno kun sablaj dunoj, iam okupata de francaj piratoj; Morro Branco, nekutima naturfenomeno 80 km de Fortaléza, kun koloraj sablaj dunoj (fama suveniro el Ceará estas flakono kun kolora sablo, formanta pitoreskajn bildojn, sed ankaŭ la ĉiutagaj promenoj apud la senlima oceano, plaĝoj kun palmoj kaj ora sablo.



Dum la 87-a UK, kies ĉefa kongresa temo estis Diverseco - ŝanco, ne minaco, okazis multaj laborkunvenoj kaj kunsidoj: dufoje kunsidis la Komitato, okazis trideko da fakaj kunsidoj, dum la Kongresa Universitato prelegis 16 renomaj sciencistoj, estis prezentitaj du valoraj teatraĵoj, la kongresa libroservo faris rekordajn vendojn. Trejnis kaj prezentis sin Internacia Koruso, okazis Belartaj kaj Oratoraj Konkursoj, ĉiutage aperis kongresa kuriero (La Bela Sonĝo de l‘ Omaro), kiun oni tuj povis legi en la tuta mondo, ĉar ĝi aperadis ankaŭ rete.

*Stano Marček*

*Por vi, niaj legantoj, ni alportas ankaŭ kelkajn rimarkojn el la plumo de niaj brazilaj geamikoj, por kiuj la kongreso estis ankaŭ duoble la unua – kiel partoprenantoj kaj kiel LKK-anoj.*

## NI KONGRESIS

Brazilo estas la kvina plej granda lando laŭ la areo de 8 511 965 $km^2$. Ĉi demokrata federacia respubliko, kies ĉefurbo estas Brazilio, ĉirkaŭ 170 milionojn da geloĝantoj. La pli multo el kredantoj estas katolikoj. Tra la tuta Brazilo oni parolas nur unu lingvon, kiu estas la portugala. Nomo de la mono de Brazilo estas real (oni legas heaŭ). La nomo de nia prezidanto estas Fernando Henrique Cardoso. Dum oktobro estos balotado por elekti novan prezidanton, deputitojn kaj guberniestrojn de la unuopaj ŝtatoj.

La ŝtato Cearao kun 146 348 $km^2$ da areo kaj ĉirkaŭ 8 milionoj da geloĝantoj situas en la nordorienta parto de Brazilo ĉe la ekvatoro. Banas tiun ŝtaton Atlantiko. Ĝia ĉefurbo kaj ĉi-jara Esperanta kongresa urbo estas Fortaleza kun ĉirkaŭ 2 milionoj da geloĝantoj, fondita dum 1612 de portugaloj.

La kongresejo estis en Centro de Interkonsento, loko, kie okazas gravaj internaciaj kaj naciaj kunsidoj. Kelkajn salonojn honoris per sia nomo elstaraj esperantistoj, brazilaj kaj eksterlandaj. Programo estis bone organizita ekde la 3-a ĝis la 10-a de aŭgusto 2002. Komence kaj fine de la kongreso oni solene kantis la himnon "La Espero". Preskaŭ ni ploris pro emocio.




Eminentuloj fariĝis partoprenantoj dum la solena inaŭguro kaj dum la solena fermo. Inter aliaj ni povas mencii la urbestron de la urbo Fortaleza kaj la prezidanton de UEA Renaton Corsetti. Reprezentanto de nia brazila prezidanto estis la ministro Alberto Cardoso, kiu parolis Esperante, en la lingvo, kiun li lernis antaŭ kelkaj monatoj. Ĉiu aplaŭdis forte kaj ĝoje.

La kerno de la kongresa programo, kongresa temo, estis „Diverseco - ŝanco, ne minaco". Ĝi estas la tutmonda polemiko pri tutmondismo (globalismo). Kelkaj personoj diras, ke tio estas pozitiva afero. Aliaj opinias, ke la globala socio alportas grandajn negativajn elementojn. Diversecoj alportas grandajn defiojn pri komunika kaj transporta teknologio. Ĉu tiu diverseco helpos al iu facila internacia lingvo kiel Esperanto?

Grava malbonaĵo por mi estis nia surbrusta identigilo, pri kiu mi multe protestis, kiam eblis al mi: la nomo de la lando sur la surbrusta identigilo estis tiel malgranda, ke ni ne sukcesis ĝin legi per nia normala vidkapablo. Por legi la nomon de la lando ni bezonis peti permeson de la kongresano. Ĉu eblas?

Ni havis eblon ekkoni diversajn eksterlandanojn, eĉ kelkajn niajn gekorespondantojn. Antaŭ kaj post la kongreso eksterlandanoj kaj enlandanoj profitis okazon por viziti nian mirindan urbon Rio de Janeiro. Eĉ ni gastigis kelkajn eksterlandojn, ekzemple el Norvegio, el Kroatio, Kubo, Polando, Hispanio...

La kongreson partoprenis laŭ la enbskribiĝoj, precize 1 483 gekongresanoj el 55 landoj. La plej multo alvenis el Japanio. Sufiĉe alta kvanto da partoprenintoj, kiam oni konscias, ke Brazilo estas tre malproksima lando de la malnova kontinento.

Antaŭ la kongreso, en Rio prelegis en la salono de Brazila Akademio de Scienco nia UEA-prezidanto Renato Corsetti. Alitage, post la kongreso, prelegis la verkisto Claude Piron.

*Salutojn de viaj brazilaj geamikoj Almir kaj Zilda*

# La 5-a Eŭrop-Unia Esperanto Kongreso
# Verona, ekde la 23-a ĝis la 28-a de aŭgusto 2002

*VERONA.*
*La urbo de legendoj.*
*Aŭdinte tiun ĉi nomon, kiu ne pensus pri Romeo kaj Julieta?*
*Verono, la ideala scenejo por la kortuŝa historio de la geamantoj, al kiuj Ŝekspiro koncedis tragike mallongan vivon, sed kies legendon vivigas, eternigadas la sinsekvaj generacioj de jacentoj al jarcentoj.*
*La fama scenejo konservis ĉiun sian antikvan ĉarmon, ĝi elspiras la mezepokan etoson. La ombraj promenejoj borderas ambaŭflanke la kvietan, spegulbrilan riveron Adiĝo, rubanditan de sennombraj pontoj, kiuj invitas al promenado kaj malfermas la horizonton antaŭ la pli larĝaj urbopanoramoj, kun la „pratempaj muroj“ de la Areno, la sveltaj preĝejturoj, la silueto de la monteto de S-ta Petro, volvita ĉio per verdiĝanta foliaro...*
*Trairante la ponton de Navi, direktante sin al la Malnova Merkato, mezvoje oni ne povas eviti aliĝon al la promenantaro kaj sekvi ĝin en la kvadratan korton kun muroj kovritaj de suprengrimpanta glekomo. El la dekstra flanko, ŝajne en la sep- aŭ okmetra alteco, elstaras helŝtona balkono.*
*Nu, vi ja divenis, tiu de Julieta.*

Aldoninte la ridetantajn vizaĝojn, la afablecon de la kontaktitaj homoj, inter tiaj kulisoj la Eŭrop-Unia Esperanto-Kongreso estis vere ĝojplena evento. Surprize la franca lingvo multe faciligis al mi la komunikadon kun „eksteruloj“.

La komplekso de Verona Universitato ekbrilis antaŭ mi ja unuavice per supermoderna aspekto, kontentigante la kongresanaron per siaj komfortaj ejoj, la freŝaera granda aŭlo, ekipita per la lastatempaj teknikaj aparatoj, la alloga, praktike instalita duoncirkla restoracio. Strukture la kongreso estis analoga al UK-oj de Esperanto, kun LKK, Honora Komitato, fakaj kaj distraj programeroj. Tamen, la aŭspicion de la evento plenumas Eŭropa Esperanto-Unio, kupola organizo, kiu kunligas la landajn Esperanto-asociojn de la 15 membro-ŝtatoj de Eŭropa Unio, por komuna agado ĉe la instancoj de tiu lasta. Estas evidente, ke Eŭropa Unio ne kapablas validigi en la praktiko sian principon - certigi samrajte la uzon de ĉiuj siaj oficialaj lingvoj, ankoraŭ malpli konsiderante la plivastigon de la Unio per novaj membro-ŝtatoj. La unika racia solvo estus la uzado de komuna, neŭtrala laborlingvo, eliminante uzurpadon de privilegioj, kiuj samtempe humilige diskriminacias la aliajn. Tiun koncepton esprimas ĝuste la temo de la 5-a Eŭrop-Unia Esperanto-Kongreso: „*Efektiva lingva egaleco, rajto de la eŭropanoj*“.

Post la unuataga, vendreda irado-venado kaj interkonado sabate dum la mateno por la solena kongresa malfermo kolektiĝis en la akcepteja halo la publiko de okulfrapa eleganteco, kiun eĉ pli emfazis la malhelaj kompletoj kaj buntaj kravatoj de sinjoroj. Baldaŭ forta aplaŭdo salutis en la granda aŭlo la alviciĝadon de la organizantoj kaj honoraj gastoj sur la larĝa podio. La Loka

Kongresa Komitato, prezidiita de la "perpetue mobila" Salvatore Argentino, sukcese akiris la apogon de la gvidantaro kaj de Verona Universitato, kaj de la urbo mem. La atmosfero de la aŭlo pli kaj pli pleniĝis per tiu mistera „nova sento", kiun konas la samideanoj, partoprenintaj internaciajn kunvenojn.

Post la bonvenigaj salutvortoj de la LKK-prezidanto sekvis itallingvaj paroladoj de la rektoro de Verona Universitato, de estraranoj de Verona Magistrato, de la itala UNESCO-komisionano, lerte tradukitaj en nian komunan lingvon. En la vico de podianoj ne mankis „nia" prezidanto Renato Corsetti flanke de UEA kaj ĝia vicprezidanto Humphrey Tonkin, kiu surprenis la taskon de la enkonduka prelego (la programerojn kunordigis s-ino Michela Lipari, la ĝenerala sekretariino). La prezidanto de la Eŭropa Esperanto-Unio s-ro Umberto Broccatelli skizis la ideojn, kiujn la Eŭropa Esperanto-Unio aspiras sugesti al la organizo de Eŭropa Unio. Li altiris atenton al la fakto, ke la plej granda parto de la ĉeestantoj, alveninte el la landoj de la Eŭropa Unio, bezonis nek montri la pasportojn ĉe la landlimoj, nek ŝanĝi la valutojn. Tamen memorigas tiujn limojn la lingva diverseco. La kongresanoj reprezentas specimenon de la eŭropa popolo, kiu estas konstruanta sian novan hejmon, ekskludante militon inter la nacioj de la kontinento. Esperanto-parolantoj estas avantgardo de tiu nova popolo, malgranda avantgardo, kiu povus esti la instruo por la tuta popolo en la estonteco. Aŭdinte ankaŭ aliajn saĝajn eldiraĵojn de s-ro Broccatelli mi nur bedaŭris, ke li ne plu volis esti reelektita, sekve la funkcion de la prezidanto de EEŬ transprenis la juna irlandano, Sean O Riain.

Ne mankis alitipaj ĝu-okazoj dum tiuj veronaj tagoj, pli kurtaj ankoraŭ por mi - ja pro veturhoraro mi devis rezigni la ŝipan ekskurson sur la impona Lago di Gardi marde, sed mi spektis la prezentadon "muzike, dance, parole kaj kavalire" de Romeo kaj Julieta lunde sub la antikvaj arkadoj de la Korto de la Malnova Merkato. Oni zorgis bone ankaŭ pri la "korpaj bezonoj" - riĉa menuo estis servita dum la sabatvespera bankedo, al solena atmosfero kontribuis bela muziko. Abundis pladoj ankaŭ de samprezaj tagmanĝoj en la universitata restoracio, kie troviĝis aparta „pico-bakejo" kaj kafejo.

Ne eblas nun raporti pri valoraj, sinsekvaj prelegoj, sed en postaj numeroj de ES oni povus publikigi ekstraktojn de kelkaj, kiujn oni promesis disponigi al interesiĝantoj.

Fine mi informas, ke kiel delegito de SKEF mi estis kore akceptita eĉ en la nepublika kunsido de la komisiono de EEŬ, kie oni traktis organizajn demandojn kaj formulis la kongresan rezolucion. Estis ofertita al nia landa asocio aliĝo al tiu ĉi kontinenta organizo, Eŭropa Esperanto-Unio, kun la statuso de la „membro-observanto". Nu, jen sugesto al nia membraro: helpu ankaŭ ni konstrui tiun ĉi aspiritan komunan hejmon kaj apartenu al la avantgardo de tiu ĉi nova, pacema, kunlaborema popolo!



*Helena SERES, Vlčany*

## LA 55-A IKUE KONGRESO EN KROMĚŘÍŽ

*Dum la tagoj 20. -27. de julio 2002 okazis la 55-a IKUE kongreso en la ĉeĥa urbo Kroměříž. La kongreson partoprenis preskaŭ 200 gesamideanoj el 12 landoj. La kongresa temo estis: „Malfermu la pordon al Kristo“.*

Dimanĉe ni ekkongresis per Sankta Meso en la preĝejo de Sankta Maŭricio (sanktaj mesoj okazis ĉiutage kaj kuncelebris ilin sep diversaj pastroj - esperantistoj). Poste sekvis solena inaŭguro de la kongreso en Deputitara Salonego de Ĉefepiskopa Kastelo. La solenan inaŭguron partoprenis ankaŭ la urbestro de Kroměříž, la prezidantino de Ĉeĥa E-Asocio kaj aliaj gravaj personecoj. La urbestro akceptis en la Urba domo kelkajn esperantistojn - funkciulojn. La tuta programo de la kongreso estis perfekte preparita.

Kun granda intereso ni trarigardis vidindaĵojn de la belega urbo. Admirante ni promenadis en Flora ĝardeno kaj en Ĉefepiskopa Kastelo.

Marde posttagmeze ni forveturis al la surmonta pilgrimloko Sankta Hostýn. Sukcesa kaj alloga estis la tuttaga ekskurso en Moravian Karston kaj la vizito de la abismo Macoĥa kaj Punkva Grotaro.

Mankis nek kultura programo. Ĉiujn partoprenantojn ravigis belega koncerto de Anna Leszay el Hungario. Profunde ni estis impresitaj dum Spirita koncerto de la kantisto Miroslav Smyčka , kiu kantis ĉe akompano de orgeno en la preĝejo de Sankta Maŭricio.

En la kongresejo ni aŭskultadis interesajn kaj fakajn prelegojn. Okazis ankaŭ la ĝenerala kunveno de IKUE, kie prezidantoj de unuopaj landoj raportis pri siaj agadoj kaj planoj. La 16-a Ekumena kongreso, la 56-a IKUE-kongreso kaj la 53-a KELI-kongreso okazos en la jaro 2003 en Rimini en Italio.

Ĝoja kaj bunta estis adiaŭa vespero, dum kiu kongresanoj prezentis siajn naciajn programerojn.

*Ni ĉiuj sincere dankas al ĉeĥaj esperantistoj, precipe al Miloš Šváček, kiuj preparis tiel perfektan kaj riĉan programon. Ankaŭ dank' al la ampleksa Kongresa libro, kiu estis fidela gvidlibro dum la tuta kongreso.*

*Mária TOMAŠOVIČOVÁ*









## LA POSTKONGRESA RENKONTIĜO EN DUB NAD MORAVOU

Tuj post la IKUE-kongreso okazis ekde la 27-a de julio ĝis la 3-a de aŭgusto 2002 en la belega vilaĝo Dub nad Moravou (proksime al Olomouc) postkongresa renkontiĝo de IKUEJ (Internacia Katolika Unuiĝo de Esperantista Junularo). Partoprenis ĝin 18 personoj el 8 landoj (Ĉeĥio, Francio, Germanio, Hungario, Litovio, Pollando, Rusio kaj Slovakio).

Dimanĉe ni veturis al la pilgrimloko Svatý Kopeček apud Olomouc kaj en tiea belega baroka baziliko ni partoprenis la dimanĉan sanktan meson. Ni tagmanĝis en la loka restoracio kaj ni vizitis ankaŭ la zoologian ĝardenon.

Ĉiutage dum la semajna restado okazis sankta meso, kiun celebris la pastro Lajos Kobor kun la loka parokestro, kiu ankaŭ estas esperantisto *(li estis en oktobro kruele murdita - red.)*.

Antaŭtagmeze okazis diversaj ludoj, kiuj helpis al ni pli bone ekkoni la lokojn, kiujn ni estis vizitontaj posttagmeze.

Vesperoj estis rezervitaj por komuna kantado, ludado aŭ promenado en la vilaĝo.

Lunde ni piediris al la proksima urbeto Brodek u Přerova, kie ni vizitis la sonorilfabrikon, kiun fondis Josef Dytrych kaj Laeticie Dytrychová kaj nun ĝin posedas ilia filino Marie Tomášková-Dytrychová.

Krom la prezento de la historio de la sonorilproduktado ni povis ankaŭ propraokule vidi la sonorilfarejon.

Marde komenciĝis antaŭtagmeze la turniro de tabloteniso kaj la matĉoj daŭris ĝis ĵaŭdo.

Post la tagmanĝo ni vizitis la proksiman urbon Tovačov kaj ĝian kastelon. El la turo ni povis vidi ne nur proksiman ĉirkaŭaĵon, sed ankaŭ Svatý Hostýn.

Merkrede posttagmeze ni celis al la urbo Olomouc, kie estis la bonsukcesa 48-a kongreso de IKUE. Ni povis vidi belegajn placojn (Supran kaj Suban), multajn barokajn kaj moderajn fontanojn, la urbodomon kun la horloĝoj kaj la statuon de Sankta Triunuo. Ni vizitis famajn preĝejojn de la urbo kaj haltis por kelkminuta preĝado, inter tiuj la kapelon de Sankta Johano Sarkander, la katedralon de Sankta Venceslao. Ni vizitis ankaŭ la palacon de la ĉefepiskopo kaj ankaŭ la iaman kongresejon (la porpastran seminariejon).

La tuta semajna restado en amikeca kaj frata etoso estis tre agrabla por ĉiuj, kvankam la kondiĉoj estis simplaj kaj modestaj.

Ĝis la revido en Junulara Esperanto Tendaro en Rimini, Italio, venontjare.

*Pavol PETRÍK*

## KIEL RILATAS VIA FAMILIO AL VIA ESPERANTISTECO?

*Ĉu pozitive? Ĉu la familianojn tute ne interesas via esperantista vivo?*
*Aŭ vi estas rigardata „nigra ŝafo" de la familio ĝuste pro viaj ligoj al Esperanto?*
*Post la unuaj ĥirundoj" el la pasinta numero venis el nia najbara frateca lando jen la sekva opinio.*
*Ni petas ankaŭ vin, priskribu vian propran sperton. Ni volonte aperigos ĝin en la venonta n-ro de nia revuo.*

*...mi sentas bezonon diri – tajpi almenaŭ kelke da vortoj rilate la artikolon en la ES 01/2002, paĝo 8, do jen ili estas:*

*Rilato de niaj familianoj al nia-mia esperantisteco dependas nur de mi mem, kies sekvoj estas ankaŭ estonteco de nia Movado, pri kiu respondecas nur ni ĉiuj, la movadanoj...*

*Ni ĝenerale (inter alie) plendas, ke en la Movado mankas la junularo... Ĉu iu opinias, ke kulpas la movado mem? Certe ne!! La kulpantoj estas ĝenerale ni ĉiuj (uzu la spegulon kaj vi tuj ekvidos la kulpanton), ĉar la manon sur la koron: kiom da geesperantistoj vi mem edukis? Kiamaniere vi almenaŭ subtenas la junularan movadon, se vi jam ne aktivas en ĝi?*

*Mi mem certe esceptas, ĉar mi edukis, do "donis" al la movado du esperantistinojn: unu eminenta bedaŭrinde jam ne estas inter ni, kaj la dua, mia filino Andrea agadas en la movado, ĉar ŝi ne estas denaska esperantistino, eĉ kiam ŝi ekzemple scipovis en sia infanaĝo kalkuli ĝis cent pli frue Esperante ol ĉeĥe. Ŝia panjo ne estis esperantistino; ŝi bedaŭrinde jam ne estas inter ni. Andrea estas interalie eĉ dumviva membrino de nialanda ĈEA, ekde sia 24-a jaraĝo.*

*La movado donas aron da ŝancoj por almenaŭ iomete subteni la estontecon de nia movado, la junularon. Vidu ekzemple eminentan (lingve, enhave, teknike...) ne nur por geknabaro, la "JUNA AMIKO"-n de ILEI, kiun eblas aboni kontraŭ nur vere modesta monsumo da 140 Kč jare.*

*Mi bone scias (el propraj spertoj, ne "unu avino rakontis..."), vere malfacilas decidiĝi, ĉu mi volas eduki denaskan esperantiston aŭ aktivan esperantiston, kio kompreneble ege diferencas. Ne gravas, ĉu temas pri la infanoj aŭ jam genepoj.*

*Por leganto, kiu ne konas min: en la movado mi aktivas ekde la jaro 1967. Mia unua E-instruisto estis profesia instruisto en metilernejo, s-ano Pavel Pittauer el Třešť, distr. Jihlava, kiu bedaŭrinde jam ne agadas en la movado.*

*Vláďa HASALA, Strážnice, CZ*

## INVITILO AL LA 44-A IFES

La Landa konsilio de la fervoja libertempa organizaĵo FISAIC ĉe la Ĝenerala Direkcio de Ĉeĥaj Fervojoj ČD kaj la Fervojista Sekcio de Ĉeĥa Esperanto Asocio invitas al la 44-a Internacia Fervojista Esperanto-Skisemajno. Ĝi okazos ekde la 4-a ĝis la 11-a de januaro 2003 en la tutjara ripozejo de Ĉeĥaj Fervojoj en Kunčice pod Ondřejníkem en la montaro Beskydy.

IFES enhavos kutimajn programerojn. Skiemulojn atendas la loka skicentro Pustevny kun 11 ski-liftoj. La aliaj havos eblecon ekskursi al Teknika muzeo de Tatra, viziti memorlokojn de la muzikkomponisto Leoš Janáček, la psikoanalisto Sigmond Freŭd kaj la instruisto J. A. Komenio, montaran turisman lokon Pustevny, Naturan muzeon de Valaĥio, kaj en la ĉefurbo de Valaĥio eblas fariĝi honora konsulo de Valaĥia reĝlando por Esperantujo.

La aliĝkotizo por IFEF-membroj el la ekssocialismaj landoj estas 15 eŭroj, la tuttaga restado en trilita ĉambro kun maten- kaj vespermanĝoj estas 115 eŭroj.

## INVITILO AL LA 55-A IFEF-KONGRESO




La Landa Kongresa Komitato frunte kun sia prezidanto Rolf Terjung invitas nin al la 55-a kongreso de la Internacia Fervojista Esperanto-Federacio. Ĝi okazos en la saksa ĉefurbo Dresdeno ekde la 10-a ĝis la 16-a de majo 2003. Ĉi "Elb-Florenco", kies urbocentro estis preskaŭ tute detruita antaŭ la fino de la la dua mondmilito, kaj ĉi-jare forte damaĝita per inundoj, famas per Virinpreĝejo, la baroka Zwinger, Semper-operejo kaj Chiaveri-katedralo.

La kongresejo estos la hotelo City-Herberge, kie eblos loĝigi ankaŭ certan amason da kongresanoj; la aliaj loĝos en "Ibis"-hoteloj. Por partoprenontoj el iamaj socialismaj landoj estas destinita la hotelo „Motel am Wiesenrand" en la antaŭurbo Großzschachwitz bone atingebla per tramo. La tuttaga ekskurso gvidos al Saksa Svisio pli komforte aŭ turisme. Duontagaj ekskursoj prezentos la urbon kaj ties vidindaĵojn piede aŭ aŭtobuse, aŭ oni povos veturi al Radebeul kaj ĝui ekspozicion de historiaj veturiloj. La postkongresa ekskurso gvidos al Meissen kun ties katedralo kaj la kastelo Albrechtsburg kaj ĉefe mondfama porcelan-manufakturo.

*La kongreskotizo por partoprenantoj el la ekssocialismaj landoj estas 25 eŭroj ĝis fino de januaro 2003, poste 30 eŭroj.*
*La tutsemajna restado en Motel am Wiesenrand kostas por unu persono en dulita ĉambro kun lavujo 77 eŭrojn,kun lavejo en koridoro 63 eŭrojn.*

*Eblas aliĝi kaj pagi la kongreskotizon ĉe SAFE-prezidantino (adreso: M. Feifičová,A. Bernoláka 25/5, 010 01 ŽILINA).*

## NOVA RETPAĜO RILATE ESPERANTON

Fine aperis slovaka-esperanta interreta paĝo. Sub **www.esperanto.host.sk** vi povas trovi bazajn informojn pri kaj en Esperanto. La paĝo estas konstruita dulingve - slovake kaj samtempe Esperante - tiamaniere oni povas prezenti Esperanton al slovakoj kaj la slovakan lingvon al esperantistoj.

Sur la paĝo oni povas legi pri la historio, pri la movado mem, pri la aranĝoj, planitaj en la kuranta jaro, oni povas trovi ankaŭ verkaron - verkojn de Hviezdoslav, Sládkovič sed ankaŭ ŝercojn, aforismojn… Ĉi tie troviĝas ankaŭ la forumo – kien vi povas sendi viajn opiniojn, rekomendojn, informojn rilate Esperanton…

La paĝo estos kontinue ĝisdatigata, kaj vi povas aktive helpi en tio. Simple sendu materialon, kiu povus aperi sur la paĝo al la adreso esperanto@host.sk. Ni esperas, ke la paĝo plaĉos al vi, ke vi vizitados ĝin ofte kaj uzos ĝin por akiri informojn pri la movado, kaj samtempe ke vi disvastigos la paĝon.

*Peter BALÁŽ*

## LA INTERRETA OPORTUNAĴO DE ESPERANTO
## (manifesto al la tutmonda esperantistaro)

**TEZOJ**

- Interreto estas decidiga oportunaĵo por la estonto de Esperanto: Ĉu por "Esperanto venkanta" aŭ por "Esperanto venkata":
- Esperanto venkos en la mondo aŭ estos venkata en la mondo, se ĝi venkas en Interreto aŭ estos venkata en Interreto.
- Rilate Esperanton la reto povas ludi tre ekstremajn rolojn: "la plej granda danĝero" aŭ "la plej granda helpanto".
- Ni, kiuj volas helpi Esperanton atingi ĝian celon esti mondskale disvastigata kaj komune akcpetata kiel la Internacia Lingvo, ni devas profiti favore al nia lingvo la grandan povon, kiun Interreto havas por esti nia "plej granda helpanto".

**FAKTOJ**

Interreto estas ege grava por *iu* internacia lingvo:

La "babela problemo", kvankam konata teorie far multaj homoj, estis antaŭe travivata, vere spertata, nur far malmultaj homoj: Nur tiuj, kiuj havis sufiĉan monon, socian tavolon, aŭ intelektajn interesojn por vojaĝi aŭ rilatiĝi per legado, poŝto aŭ telefonado internacie kun aliaj homoj.

Nun, Interreto estas la populariĝanta tutmonda UNIKA FENOMENO, KIU FRONTIGAS ĈIUJN HOMOJN ANTAŬ LA LINGVA DIVERSECO. Ĝi portas tekstojn kaj voĉojn el foraj landoj kaj en strangaj lingvoj ĝis la tablo kaj -baldaŭ ĝis la poŝo de iu ajn homo, en maniero multe pli vasta ol kurt-onda radio kaj satelita televido. Samtempe la Reto permesas ke propra persona esprimo estu konata tuj en foraj landoj, en maniero multege pli facila ol kiun ebligis posedo de presilo aŭ radia aŭ televida sendilo.

Tiel la "babela problemo" tuŝas, por la unua fojo, ĉiujn individuojn, kaj la batalo por la pozicio de internacia lingvo jam ne estas nur disvolviĝanta en la politikaj, diplomatiaj kaj komercaj sferoj, sed en la reto, je vere populara tavolo.

Nuntempe ne malpliiĝas la graveco de tiuj ceteraj menciitaj sferoj, en kiuj unue kaj tradicie sentiĝis la bezono de komuna lingvo, tamen la nuna pli granda akirebleco de scio kaj teknologio, produktas plialtiĝon de la povo de individuoj kaj homgrupoj, ne

nur milita sed ankaŭ informa kaj komunikada.

La individuoj kaj homgrupoj nun havas la kapablon esti rimarkinde povaj aktoroj en la batalo por solvi la babelan problemon. La nuntempaj individuoj devus konsciiĝi pri tio, pri sia povo ankaŭ en tiu-ĉi afero tutmonda.

**PROPONITA AGADPLANO**

Simile kiel Interreto rapide disvatigis tutmonde sciojn pri teknikaj aferoj (Ekzemple: "Linux", "Java", HTML, kaj senpagaj programoj de "GNU"), la Reto povas esti profitata far Esperanto por rapide disvastiĝi kiel la plej bona solvo por la "babela problemo": SENPAGA, FACILA KAJ EFIKA lingvo internacia.

Por tio, mi proponasas jenon:

Kvankam eble mi kontraŭas ĉi-rilate la opiniojn de kelkaj instruistoj, mi opinias ke la reguleco de Esperanto ebligas lernadon multe pli efika ol tiu celata en la plimulto da lernolibroj, kiuj ŝajnas inspiritaj de nacilingvaj lernolibroj, ĉar tiaj lingvoj estas ege neregulaj kaj malfacilaj. Tiaj instrumetodikoj -miaopinie kaj miasperte-metas aferojn kaj ripetadojn kiuj en Esperanto estas nenecesa balasto por la baza lingvo-akiro.

Eblas desegni "la plej efikan Esperanto-kurseton por ĉiu nacia lingvo" kaj meti ilin en la Reton, por ke iu ajn homo elŝutu ilin SENPAGE KAJ SENKOPIRAJTE.

Ekzemple, en kelkaj kazoj oni povas profiti maksimume similecojn inter vortoj aŭ gramatikaĵoj de Esperanto kaj de la nacia lingvo. Kie tio ne eblas, la nura reguleco de Esperanto ebligas ekonomion en la prezento de la baza gramatiko kaj vortaro, simple *nekredebla* kompare kun tiuj de naciaj lingvoj.

Mi ne diras, ke iu ajn homo, lerninta el tia kurseto, verkos baldaŭ beletron konkursindan, sed certe akiros esprimivon je nivelo, kiu en iu ajn nacia lingvo postulus multege da tempo, mono kaj mensa streĉo. Tio estas komenco.

La ideo pri tiaj kursetoj ne estas nova, ekzistis presaĵoj kun nomo "Ŝlosilo" de Esperanto por pluraj lingvoj, sed bedaŭrinde ŝajnas ke iuj kritikis ilin ĝis malaperigo de ilia plia eldonado. La ideo estas en tiu linio, kaj eble pli en la linio de "Fulmo-kursoj", kiuj ankaŭ ekzistas en Esperantio.

**Mia propono, do, estas:**

1. Desegni tiajn bazajn kursetojn, lernolibretojn, specife kaj plej efike desegnitaj por ĉiu nacia lingvo.
2. Meti en Interreton tiujn lernolibretojn, elŝuteblajn SENPAGE, SENKOPIRAJTE, KAJ KUN PERMESO POR KOPII, PRESI, MULTOBLIGI KAJ DISDONI ILIN.
3. Amase reklami pri la ekzisto de tiuj lernolibretoj.
4. Fari la samon, SENPAGE KAJ SENKOPIRAJTE, kun aliaj jam ekzistantaj kaj novaj lernolibroj kaj legolibroj en Esperanto.

La nuntempa kaj estonta akiro de scioj estas kaj estos pli rilata al memlernado ol al instruado. Do, ni devas faciligi kaj disvastigi la rimedojn por MEMLERNADO pli ol insisti en la trejnado de instruistoj, kiuj ĉiam restos nesufiĉaj por la nombro de parolantoj kiun ni celas.

Ni povas profiti la Reton por okazigi favore al Esperanto la saman fenomenon de perreta rapida (eĉ "virusa") diskonigado, kiu okazas pri teknikaĵoj kiel "Linux".

Ni devas fari, ke Interreto estu ilo por la triumfo de Esperanto. La ecoj kaj karaktero de nia Lingvo faciligas tion, sed necesas nia helpo por montri ĝin al la popolo kaj ebligi la akiron de la lingvo en la plej apartaj mondopartoj.

Esperanto venkos en la mondo aŭ estos venkata en la mondo, se ĝi venkas en Interreto aŭ estos venkata en Interreto.

*Luis Guillermo RESTREPO RIVAS, Kolombio*
*http://LuisGuillermo.com*




*La dividstreko estas uzata en la kunmetitaj vortoj por pliklarigi ilian konstruon. Ĝi estas uzata:*

a) en pli-ol-du-radikaj kunmetoj; la dividstrekon oni metas tiel, ke ĝi apartigu duoblajn flank- kaj ĉefelementojn disde unuoblaj kaj duoblaj ĉef- kaj flankelementoj: *aŭto-aerbremso, vaporŝip-asocio, or-kandelingo, turhorloĝ-ciferplato, rapidtrajn-lokomotivestro.* Ne eblas uzi la dividstrekon en aliaj lokoj de koncerna kunmetita vorto. Ekz. *aŭtoaer-bremso, rapid-trajnlokomotivestro, ktp.*

b) en duradikaj nekutimaj kunmetoj, por fari ilin pli klaraj: *sen-tema* (diference de *sentema*), *ve-kanto* (diference de *vekanto*), *sen-data* (diference de *sendata*), *sku-puŝo*. Estas konsilinde uzi ĝin, kiam la dua radiko komenciĝas per vokalo: *bel-aspekta, person-aŭto.* Sed oni ne uzas la dividstrekon antaŭ aŭ post afikso aŭ afiksoido: *dormema, beleta, ekiri.* Estas konsilinde uzi ĝin, se sufiksoido funkcias kiel flankelemento: *il-riparo, in-formo* (diference de *informo*);

c) kutime oni uzas la dividstrekon post flankelemento kun konservita finaĵo: *membro-abonanto, sento-uragano;* kaj nepre, se ankaŭ la pluralsigno estas konservita: *esperantistoj-amikoj, soldatoj-kamaradoj.*

d) estas konsilinde uzi la dividstrekon, se en kunmeto staras apude du samaj konsonantoj: *gratul-letero, fer-rubando, vinber-rikolto.* Sed ĝi estas superflua post prefiksoj, aŭ en kutimaj kunmetoj: *ekkuri, sammaniere.*

e) oni uzu la dividstrekon, se al adjektivo rilatas adverbo kunskribita: *ore-purpura, pale-verda;* se la verba radiko, al kiu la flankelemento estas rilatigita adverbe, estas participe plukonstruita: *unue-naskito, malfrue-veninto;* se adjektivoj rilatantaj senpere al la sama substantivo estas kunskribitaj: *slovaka-ĉeĥa; ruĝa-blanka-verda.*

f) per la dividstreko oni anoncas, ke al la vorto apartenas la lasta parto de la sekvanta kunmeto: *la elektro- kaj vapor-lokomotivoj, ligno- kaj ŝton-domoj.*

g) la dividstreko signas ankaŭ ellasitajn literojn interne de vorto: *D-ro, s-ro, s-ano.*

*Laŭ PAG prilaboris Vladimír NĚMEC*

## LA KNABINO KUN VIZAĜO DE LUNO

estas la titolo de libro de Margita DOBROVIČOVÁ. Ĝia prezentado okazis la 27-an de junio 2002 en V-klubo en Bratislava. La salono estis plena da interesuloj pri literaturo kaj Esperanto. Venis ankaŭ la patrino kaj konatuloj de la verkistino, ne mankis la ĉefaj protagonistoj – Ján VAJS kaj Jaroslav UHEL.

*Margita Dobrovičová naskiĝis en la jaro 1953 en Liptovský Mikuláš kun cerba poliomjelito. Amantaj gepatroj dediĉis sin al sia filino senlime kaj kreis al ŝi la spacon por la individua altlerneja studado de dramaturgio. La viva senco de Margita estis literaturo kaj la unikan lokon en ŝia koro havis poezio. Ŝi havis brilan intelekton, estis sangvina, ofte nekredeble perceptema, tenera, mistera, preparita elflugi per papiliaj flugiloj, vualinta la plej grandan veron pri doloro, kiun ŝi portis en si.*



La knabino kun vizaĝo de luno estas parto de elekto el la nepublikigita verko Tajomstvá duše (Misterioj de animo), konsistanta el 38 mallongaj tutaĵoj. La ĉefmotivo de la tuta verko estas la homo vivanta kaj aganta, sopiranta, pensanta, sentanta aŭ ribelanta. En similecon de mistere vualita knabino Lanu la aŭtorino malkovras nekonatajn homajn misterojn, por ke ŝi tiamaniere montru al la leganto la spegulon. Lanu motivigas la leganton al altruismo, por ke li per sia soifo sentu ankaŭ la soifon de la aliaj, ke li sentu, se la homo havas la koron, li devas esti homa, konscianta valorojn de la vivo, ne perdanta sian vojon hejmen kaj al la alvenanta feliĉo li devas proksimigi la aliajn.

La tutan programon gvidis F. Mikovič. Slovake legis la fragmentojn S. Očenášová-Štrbová, Esperante M. Onušková. La atmosferon emfazis la muzikistinoj per piano kaj violono.

La pentristo J. Uhel, kiu ilustris la libron, konsideras la aŭtorinon kiel la plej rimarkindan poetinon en nuntempa slovaka literaturo.

Ján Vajs, agrikulturisto, speleologo, vojaĝanto kaj aktiva esperantisto, decidis traduki la tekston *La knabino kun vizaĝo de Luno* en la „pontlingvon". Tiel li serĉis manieron almenaŭ por eta estimo al la knabino, kies malfacilan sorton li povis koni kiel amiko el la infana tempo kaj observi ŝian batalon por sencoplena vivo de tiu, kiun li konsideris eksterordinara personeco meritanta, ke oni ŝin konu en la mondo. Li tion sukcese realigis sub la lingva revizio de Magda Šaturová.

Al ĉiuj kreintoj de la originala dulingva libro apartenas nia granda danko kun espero, ke Esperanto vivas kaj vivos plu. *JaRe*

# ...KUN ELEMÍR ERBY

*Ĉi vivartiston - koŝiceanon - konis kaj konas verŝajne kelkmil esperantistoj el Slovakio, Ĉeĥio kaj niaj najbaraj landoj. Supozeble centmiloj estas, kiuj neniam aŭdinte pri lia esperantisteco ekŝatis lin pere de liaj humorplenaj rakontoj. Jen kelkaj liaj rememoroj:*

Mi naskiĝis en familio de instruisto, poste direktoro de lernejo en Michalovce. Ni estas kvin gefratoj, mi mem havas tri infanojn.

Al Košice mi venis juna por studi. Mi jam estis en la lasta klaso de la jura fakultato, kiam oni elĵetis min de tie pro mia deveno. Mi estiĝis “politike nefidinda persono”, ĉar mi estis posteulo de la iama grafa familio Erdődy. Tiajn homojn la politika reĝimo de la kvindekaj jaroj uzis por konstrulaboroj en “helpaj teknikaj tendaroj” (pomocné technické tábory) kaj la socio nomis ilin “nigraj baronoj”. El la kazernoj, kie ni estis fermitaj, mi kaŝe sendis leteron al la prezidento de la respubliko Antonín Zápotocký kaj fakte liahelpe mi liberiĝis post 28-monata punlaboro la 1-an de januaro 1954, en mia 25-a naskiĝtago.

Mi reiris al la fakultato kaj fariĝis doktoro pri juraj sciencoj.

### Humuristo



Jam en 1958 mi gajnis la unuan premion en la tutlanda konkurso pri tiel nomata popolrakontado. Humurajn rakontojn pri ĝojoj kaj malĝojoj de simplaj homoj mi skribas kaj prezentadas ĝis nun. Oni konas min sub mia artista nomo Ďuri Štachytka. De kie devenas tiu ĉi nomo? Jam en la gimnazio en Michalovce mi membris en folklora grupo, kiun gvidis Jano Olejník. Li diradis pri si mem “štachytka” (ŝtaĥitka), ĉar li estis magra, maldika kiel stango de barilo, dialekte nomata “štachytka”. Du miaj prezentadoj estis surbendigitaj kaj eldonitaj magnetofon-kasede. La unuan, faritan kun la muzik-amuza grupo Mloky, oni eldonis ankaŭ gramofon-diske. En 1991 mi ricevis de la eldonejo “oran diskon”.

Prezentadojn antaŭ publiko mi daŭre havas, kutime tri- kvarfoje monate. Po 2-semajne mi aperas en la elsendoj de la televidstacio Global. Al la kuracloko mi revenadas jam 30 jarojn. Mia persona rekordo estas 13 prezentadoj dum unu - Silvestra - nokto.

### *En pupteatro*

Dek kvin jarojn mi laboris kiel la vicestro de Pupteatro en Košice. Ĉi-loko estis tiutempe vera kultura centro de la urbo kaj de la regiono. Ni havis amikecajn rilatojn kun Pupteatro en Cluj (Rumanio), kiu gajnis premion en Esperanta pupteatra festivalo en Zagrebo. “Ĉu ni ne povus atingi la samon?” - mi demandis la direktoron Futaš. Li decidis provi kaj sekve ni kontaktis Milan Zvara-n (tiel ni konatiĝis), kiu tiutempe laboris kaj esperantumis en Košice. Milan kaj lia edzino instruis al ni Esperanton kaj jam tuj okaze de nia unua konkurado en Zagrebo nia „Budulinĉjo“ gajnis la unuan premion kaj por la spektaklo, kaj por la reĝisorado, kaj por la muziko, kaj ankaŭ la premion de la spektantoj.

La festivalon organizis Internacia Kultura Servo, kies motoro estis Spomenka Ŝtimec. En la lingva ĵurio estis inter aliaj Tibor Sekelj, kun kiu ni tie amikiĝis.

La duan fojon nia teatro preparis por Zagrebo la fabelon “Scivola elefantido”, la trian fojon “La travivaĵoj de Guignol”. Ĉiam ni revenadis kun premioj. Foje ni vizitis ankaŭ Danlandon.

Eĉ kiam la koŝicea pupteatro ĉesis partoprenadi festivalojn, miaj infanoj kun tiuj de Milan Zvara preparis teatraĵeton “ Ŝaŭmkreaĵa monto” kaj ni veturis kun ili al Zagrebo. Foje niaj etuloj ĉeestis en la tiea infana ĵurio. Kun la “Malbela anasido” ili iris ankaŭ al Bydgoszcz (Pollando). Poste ankaŭ mi ĵuriis. Entute sepfoje mi partoprenis la zagreban festivalon. Ni neniam renkontis negativaĵojn, la etoso estis ĉiam amika, sincera.

### *Someraj lernejoj*

Milan Zvara organizis la unuan SEL (Somera Esperanto-Lernejo) en Opátka. Li propagandis, anoncis ĝin, sed nur malmultaj aliĝis. Mi diris al la direktoro de la pupteatro, ke ankaŭ al niaj pupaktoroj utilus perfektiĝi en Esperanto kaj li sendis la tutan teatron al SEL. Kompreneble, kadre de la labortempo kaj salajrate. SEL poste kreskis, foje ni havis eĉ 300 partoprenantojn. Ni devis dividiĝi al du lokoj, eĉ se la skoltoj dormis kromdome en siaj tendoj.

Ankaŭ miaj filoj lernis tie la lingvon. Mi ekploris aŭdante ilin Esperante paroli fine de la dusemajna kurso. Ili ege ŝatis sian instruiston Miroslav Hysko kaj partoprenis en kelkaj SEL-oj.

### *Filharmonio*

En 1974 mi enposteniĝis ĉe Ŝtata Filharmonio en Košice. Ankaŭ tie mi vicestris dek kvin jarojn.

La Filharmonio havis du busojn kaj du ŝoforojn. Ili estis bazo de nia aparte sukcesa turisma kunlaboro kun Bulgario. Temis pri somera veturigado de esperantistoj kaj neesperantistoj al la negranda Vinica apud la Nigra Maro. Ni akceptis pagojn en ĉeĥoslovakaj kronoj kaj nia bulgara kunlaboranto, esperantisto Anton Antonov, pagis niajn restadkostojn per ilia valuto. Kiam bulgaroj volis veni al nia lando, ili same pagis hejme per bulgara valuto kaj ĉe ni pagis mi per nia mono. Aparte grave estis, ke mi povis doni al la bulgaroj ankaŭ poŝmonon, kiun ili aliel ne povus akiri. La sendevizaj kontaktoj do funkciis bone je ĉies kontento.

La plej sukcesa estis la somero, kiam ni sendis al Bulgario sep busojn plenaj da turistoj.

*Eblus daŭrigi, la travivaĵoj abundas.*
*Ĝis revido do dum iu nia Esperanta aranĝo --- kaj multajn pliajn sukcesojn!*

*intervjuis Katarína BODNÁROVÁ*

## UNU PROCENTAĴO ESTIS SUFIĈE SUKCESA

Nome de SKEF mi volus danki al ĉiuj esperantistoj kaj simpatiantoj, kiuj dediĉis unu procentaĵon el sia imposto al Esperanto. La rezultojn el banko ni ricevis nur sinsekve kaj nun ni fine scias, ke dank' al vi ĉiuj ni gajnis por nia movado proksimume 7 milojn da kronoj.

Laŭ la decido de SKEF-konsilantaro la mono estos uzita por prizorgo de la SKEF-arkivo.

*J. GONDŽÚR*

## EFIFO OKAZOS ANKAŬ ĈI-JARE

La Okcidentslovakia Esperanta Societo invitas ĉiujn al la 4-a Esperanta Filma Festivalo, kiu okazos sabate la 23an de novembro 2002 je la 10.00 horo en la konstruaĵo de la Pola Instituto en Bratislava, Placo de la Slovaka Nacia Revolucio n-ro 28. El la programo: malfermo kaj bonvenigo de gastoj (10.00), trarigardo de filmoj (10.15-12.15, 13.30-16.55), solena fermo (16.55-17.00).

*Al la aranĝo sincere invitas la OSES-prezidantino Nataša ŠANDOROVÁ*

## GOTENBURGO INVITAS NIN AL LA 88-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO




Dum la tagoj de la 26-a de julio ĝis la 2-a de aŭgusto 2003 okazos en Svedio jam la 88-a UK. SKEF mem ne organizas komunan veturadon al Gotenburgo, sed povas helpi al vi eluzi eblecon flugi kune kun niaj ĉeĥaj amikoj pere de la firmao de s-ano Petro Chrdle KAVA-PECH. Interesuloj bonvolu skribi al la redakcio por ricevi pli detalajn informojn kaj aliĝilojn al la kongreso.

Ne forgesu, ke la plej malalta prezo estas por tiuj, kiuj aliĝos ĝis la fino de ĉi jaro. Por B-landoj validas jenaj kotizoj: individua membro de UEA (IM) 150 eŭroj, ne-IM 140 eŭroj, IM-junulo/kunulo/komitatano/handikapito 60 eŭroj; ne-IM junulo 85 eŭroj.

*Juraj GONDŽÚR*

## PARKO DE LA ESPERANTISTO MILAN ZVARA



Laŭ la informoj de s-rino Viera Zvarová, edzino de nia forpasinta SKEF-prezidanto Milan Zvara, la urba konsilantaro de Poprad dum sia septembra kunsido decidis, ke la parko ĉe la poprada stacidomo ricevos la supre menciitan titolon. La preciza dato de la oficiala ŝanĝo de la parkonomo ankoraŭ ne estas konata.

Elkoran dankon al ĉiuj, kiuj helpis realigi tiun ĉi decidon.

***Estimata sinjoro redaktoro! Kara samideano!***

*Grandan ĝojon mi eksentis ricevinte "Esperantisto Slovaka"-n, ke ĝi denove aperas. Kaj mia ĝojo estas eĉ pli granda, ke ĝia formato estas tia, kia ĝi estis dum ĝia "naskiĝo" en la jaro 1946. Mi proponas, ke ĝi restu en tiu ĉi formato (nur se estus eble aldoni sur la titolpaĝon verdan steleton).*

*Sed mi forgesis prezenti min. Mi estas 76-jara, vivanta en la malgranda vilaĝo Čakanovce proksime de la urbo Košice. Mi estis persona amiko de la fondinto de Esperantisto Slovaka jam mortinta Arnošt Váňa kaj aliaj tiamaj samideanoj. Pri Esperanto mi eksciis kiel 12-jara knabo de mia lernejestro, kiu eĉ donacis al mi la lernolibron de Esperanto, kaj mi tuj komencis lerni mian belegan, karan lingvon. Poste mi trovis multajn esperantistajn amikojn en la mondo, vigle korespondante kun ili, kaj ofte kun reciprokaj vizitoj. Mi sukcesis semadi ideon de Esperanto inter miaj konatuloj kaj kelkaj el ili fariĝis ankaŭ esperantistoj.*

*Mi nun skribas al vi tial, ĉu vi povus aperigi la artikolon kopiitan de ES n-ro 12 el la jaro 1947, kiun mi almetas. Ĝi estas tiu alvoko al iamaj samideanoj kaj mi pensas, ke ĝi povus esti aktuala eĉ nun. Nu, vi prikonsideru ĉu jes, aŭ ne.*

*Fine mi sendas korajn salutojn kaj bondezirojn al vi kaj al la tuta esperantistaro en Slovakio kaj en Ĉeĥa respubliko.*

*Al vi, kara redaktoro, mi deziras multe da sukcesoj en via laboro por ideo de Esperanto kaj por nia ĵurnalo.*

*Sincere via Ján MIKLOŠ, Čakanovce*

***Žilina – Senica – Košice – Považská Bystrica***

*Nepre ni serĉas turisman kontakton kun slovakaj gesamideanoj. Post longa paŭzo kaŭzita de multaj seriozaj entreprenoj ni antaŭe utiligos la adresojn de niaj malnovaj korespondamikoj. Bedaŭrinde – kiel oni informis nin – mortis en Poprad nia amiko, Milan Zvara, kun kiu laste ni pere de Pola Esperanto-Asocio kaj ties estrarprezidanto Stanislava MANDRAK, interkonsentis kunlabori tiurilate. Ni perdis do la ŝancon, tamen ĉio estas ebla, se oni agas persiste anstataŭ lamenti kaj dubi pri sukceso. Nia turisma objekto, privata vilao "Esperanto" troviĝas tre proksime al la slovaka ŝtatlimo, en Piwniczna. De tiu loko ni ĉiujare, eĉ kelkfoje vizitas la ĉeliman zonon kaj tio okazas sen klopodo. La vilao estas komforta kaj estas destinita por esperantista feriado. Ni ĝin administras ekde tri jaroj kaj helpas popularigi la lokon de la feriado. Nia propono estas jena: ni pagas la koston de la feriado en Pollando (krom vojaĝkosto) kaj atendas reciprokecon de aliaj polaj urboj en la sudo. En Slovakio ni estis iam kelkfoje kaj ofte legas pri tieaj E-aranĝoj, kiujn ni volonte vizitus grupe. En nia lando ni kontaktiĝas kun 95 lokoj, kie vivas kaj agas esperantistoj. En nia urbo Krakovo agas krom nia Fondaĵo ses sendepedaj grupoj kaj asocioj esperantistaj. Krakovo havas 800-milan loĝantaron kaj ĝia ĉirkaŭaĵo distingiĝas pro belegaj valetoj. La urbo mem estas vere vizitinda. Ĉiujare vizitas ĝin super 2-miliona turistaro. Akceptu do nian proponon, se vi povas!*

*Malfermita letero el la PEPS-Informilo*

## DE IVAN SLÁVIK

## ALVOKO AL ĈIUJ ESPERANTISTOJ



**HORIZONTALE:** **A. La unua parto de la kaŝfrazo.** B. Duobla sulfat' de aluminio kaj de alia metalo (kalio, fero, kromo) – inklino aŭ kutimo al io (vorto farita de sufikso) – adverbo servanta por insisti pri nealieco kaj identeco de la koncernata persono aŭ afero – difinita epok' de kiam oni komencas la kalkulon de la jaroj – respondo je la demando „kial?". C. Rondforma elstara parto de iu organo (nazo, orelo, hepato) – homoj kiuj agas aŭ batalas kontraŭ ni – alojo de aluminio kaj nikelo (mallongigo en kemiaj simboloj). D. Ĉambro, difinita loko – tuŝo per la lipoj precipe por esprimi amon aŭ respekton – spec' de seĝo, kiun oni ligas sur la dorso de rajdbesto – duoble malaltigita muzika tono „a" – grandegul' manĝanta homojn en fabeloj. E. Nova, freŝe elkreskinta branĉeto sur arboj – granda grup' de homoj devenanta de unu sama familio – virina – glitil' por sporti sur neĝo – amata, ŝatata, altpreza. F. Organ' de la vidkapablo – ligna vegetaĵ' kun alta trunko, branĉoj kaj folioj aŭ pinglofoliaro – pec' de kuirita pasto – vaz' por konservi mortocindrojn aŭ kolekti voĉdonilojn – paŝas. G. Granda pafil' – korpo de mortinta homo aŭ besto – muzika teatraĵo. H. Sufikso signifanta membron de grupo, de nacio, adepton de doktrino, loĝanton de loko – regula aranĝo de aferoj, laŭ kiu ili taŭge kaj oportune rilatas inter si – disĵetas semon – parto de la virina korpo – kemiaj simboloj de karbono kaj fluoro. I. Cifer' montranta neniun kvanton – verget' kun ĉevalharoj por ludi sur kordaj muzikiloj – serioza teatra verko – lirika poemo ofte solenanta iun aŭ ion – ne konsenti, diradi ofte „ne". J. Nebakita brik' – romia trio – greka litero – parto de koncerna nombro, de numeralo – batalil' konsistanta el longa ligna stango kun akra ferpinto. **K. La dua parto de la kaŝfrazo.**

**VERTIKALE:** 1. Kvarrada, kunrisorta, ĝenerale kovrita veturilo por personoj – alta herb' el kies fadenoj oni faras ŝtofojn, teksaĵojn kaj ŝnurojn, sed ankaŭ drogojn. 2. Viraj estaĵoj, personoj – sekvanta post la sepa – ne havanta vestaĵon sur si. 3. Rompitaĵoj el ruinigita konstruo, senvaloraj forĵetindaj objektoj – centra lumiga kaj varmiga astro de nia planedaro – frunto ruse. 4. Membro de ia grupo aŭ societo – parto de la korpo inter la kapo kaj la trunko – perforte forpreni ion, kio apartenas al alia. 5. Esprimi doloran senton per plendaj, ne artigitaj tonoj – amfibia vertebrula saltanta bestet' – boraparat'. 6. Havas emon – kurblinio, parto de cirklo – nedifina kolektiva pronomo signifanta esceptante neniun, sendistinge. 7. Grandega hom', statu' aŭ objekt' – plej malalta vira voĉ' – en romiaj ciferoj 504. 8. Sentas inklinon al tiu amata – loĝant' de Indio – skrapi kampon, disrompante la terbulojn per tiucela instrumento. 9. Araba ŝtato en la sudo de Araba duoninsulo – en granda kvanto, kune kun multaj aliaj homoj, en amaso. 10. Vira nomo (31.1.) – la plej sana trinkaĵ' – sentis amon. 11. Ŝovas la langon sur io – granda rara best' de niaj arbaroj – du oksigenoj kaj unu fosforo en kemio. 12. Malnovgreka dio de amo – prepozicio signifanta „apartigante, escepte" – unu angle. 13. Estanta en viva, facilanima kaj bonhumora stato – persono de virina sekso – respektegi kaj honoregi kiel dion (radiko). 14. Verba finaĵo de pasiva participo en prezenco – regula part' de la labortago de laboristoj – ne dura. 15. Granda afrika rivero – tersurfaco, spaco inter difinitaj limoj – nenormala malgrandegul'. 16. Malrapida para danc' – altvalora pro sia malofteco (radiko) – dekoble dek. 17. Forlasas iun lokon aŭ ejon, elpaŝas – per ofica modo.

HELPILOJ: B. ALUN', D. OGR', J. ADOB' 3. RUBO.

## SKRIBU AL AVO FROSTO, LI RESPONDOS ... ANKAŬ EN ESPERANTO!

*Kristnasko 2002 alvenas, kaj kiel ĉiujare, miloj da infanoj el Kanado kaj el la tuta mondo skribos al Avo Frosto. Tradicie en Kanado infanoj, kiuj skribas al li en la franca, angla aŭ en dudeko da aliaj lingvoj, ricevas respondon el la Norda Poluso. Nove ĉi-jare la infanoj, kiuj skribos al Avo Frosto, ricevos respondon en Esperanto.*

*En la 2001 la Esperanto-Societo Kebekia (ESK) traktis kun la Kanada Poŝta Servo sugestante la uzon de Esperanto por komuniki kun la esperanlingvaj infanoj de la mondo. La Kanada Poŝta Servo jesis al la propono de ESK kaj ekde la Kristnasko 2002 Esperanto estos inter la korespondaj lingvoj uzataj de Avo Frosto kaj liaj helpantoj, la volontuloj de la Kanada Poŝta Servo por subteni alfabetigon.*

*La Esperanto-Societo Kebekia invitas ĉiujn esperantistojn, junaj kaj junkoraj, malkovri tiun ĉi kristnaskan tradicion skribi al Avo Frosto. Simple sendu manskribitan leteron al la sekva adreso:*

*AVO FROSTO*
*NORDA POLUSO*
*HOH OHO*
*KANADO – CANADA*




*Avo Frosto preferas manskribitajn leterojn, eĉ se skribitaj de etaj manoj, kiuj lernas skribi. Ne forgesu klare skribi vian nomon kaj la adreson por certigi ricevon de respondo.*

*Ni ankaŭ invitas la esperantistojn kaj la esperantistajn organizojn tra la mondo varbi por tio tiel, ke la esperantlingvaj infanoj povos skribi al Avo Frosto ĉi-jare. Por ricevi pliajn informojn kontaktu nin je la retadreso avofrosto@yahoo.ca.*

*Normand FLEURY, prezidanto, Esperanto-Societo Kebekia*
*6358, rue de Bordeaux, Montrealo, Kebekio, Kanado, H2G 2R8*

*P. S.: Estas la unua Kristnasko, kiam Avo Frosto uzos Esperanton, kaj ĉar li laboras multe dum tiu jarperiodo, povas esti, ke li iom eraros en la liverado de siaj korespondaĵoj. Ekzemple, li povus erari lingvojn aŭ perdi leterojn. Se, bedaŭrinde, tio okazus al vi, ne estu tro malgaja rilate tion. Anstataŭe sendu retmesaĝon al avofrosto@yahoo.ca kaj la Esperanto-Societo Kebekia transdonos viajn komentojn al la Kanada Poŝta Servo. Ni bonvenigas ankaŭ aliajn komentojn.*

***Feliĉan Kristnaskon! Ho! Ho! Ho!***

### KRISTNASKAJ BONDEZIROJ KUTIMAJ EN KROATIO

- Laŭdatu Jesuo, bravan Kristnaskon, Kristnasko kaj Dio en la domon kaj kristarbon sur la domon.
- Dio nin rekopencu per multaj kokidoj, kokinoj, anasoj, meleagroj, porkoj, bovoj, ĉevaloj, abeloj, ŝafoj kaj per mono, sed plej multe per sano.
- Bonan matenon, kokinoj miaj, mi bondeziras al vi la Kristnaskan vesperon, restu vivaj kaj sanaj, ovonasku abunde kaj frue la kokidojn promesigu.
- Laŭdatu Jesuo, mi bondeziras al vi la Kristnaskan vesperon, Adamon kaj Evon kaj la baldaŭan naskiĝon de Jesuo.
- Bondezirojn nome de Dio kaj Kristnasko, dum ĉi-jaro havu bonan sanon kaj ĉian superfluon.
- Jesuo laŭdatu, Jesuo naskiĝis. *Respondo:* En staleto sur pajletoj.
- Laŭdatu Jesuo kaj Maria. Mi bondeziras al vi feliĉan Kristnaskon.
- Je gloro de la sankta naskiĝo de Jesuo, kiu al ni venis, ke ni ĝisvivu multajn jarojn kaj somerojn en sano kaj ĝojo.
- Honore al la naskiĝo de Jesuo; kien ajn vi impetu, kiun ajn pri la alia vi petu.
- Laŭdatu Jesuo kaj Maria. Bonvenu al vi la Kristnaska vespero kaj la naskiĝtago de Disinjoro, Stefano-ago, Johano-tago.
- Epifanio kaj la tuta jaro kaj jarlongo.
- Honoratu via animo ĉe l' Dia proksimo.
- Jesuo laŭdatu! Jesuo naskiĝis!
- Feliĉan Kristnaskon kaj Novjaron! Ĉiuj vi estu sanaj kaj ĝojaj kaj ankaŭ mi kun vi!
- Dio vin favoru: via brutaro plimultiĝu, viaj kampoj fruktodonu blank-tirtikon kaj vin-viton. Vi havu ĉevalidojn, bovidojn, anseridojn, anasidojn, meleagrojn, kokidojn kaj ĉion de Dio deziratan. Kiomaj kejloj en la domo, same de filoj tiomo.
- Naskiĝadu, bovidnasku, ĉevalnasku, porkonasku, hundonasku, katonasku - prosperu ĉiuj aĵoj kaj aferoj ŝatataj de l'homoj kaj de Dio.
- Mi iras, kun mi Kristnasko kuniras kunportante ĝojon kaj plezuron.
- Laŭdatu Jesu' kaj Maria; jen Sankta Kristnasko nia.
- Bonvenon al vi! Eniru, bonvenu sana kaj feliĉa!
- Laŭdatu Jesuo kaj Maria, vi kroata katolika hejmo.
- Pacon, konkordon, amon kaj Dian benon al tiu ĉi domo. *Respondo:* Kaj al ĉiuj kiuj vivas en ĝi.
- Dio nin benu, ke ĉi sanktan Kristnaskan vesperon venontjare ni travivu pli sanaj, pli ĝojaj, pli feliĉaj kaj ĉiurilate pli kontentaj. Dio, donu vian sanktan benon al nia tuta laboro, manĝoj, trinkoj, kaj ĉio kion ni vianome komencos!



### KROATAJ ELDIRAĴOJ

- *Sankta Niko blankbarba.*
- *Niko, porkbuĉa ŝriko.*
- *Sankta Lucia kun lignofasko, dekdu tagojn antaŭ Kristnasko.*
- *Sankta Tomo pelas porkojn en la domon.*
- *Kristnasko - forviŝi trankĉilon estas via tasko.*
- *Pri Kristnasko ĉiu ĝojas.*
- *Kristnasko, familia festo.*
- *Ĉiu bonfartas Kristnaske.*
- *Oh Kristnasko, kiel belas dum vi, kaj la tagon post vi, kaj tri tagojn post vi, sed neniam kiel dum vi.*
- *Kristnasko, la aŭtuna festotago.*
- *Kristnasko forpasis, vintro enpaŝis.*

**Eĉ hodiaŭ oni kutimas diri:**

- ♦ *Estis abundo de ĉio kvazaŭ dum Kristnasko.*
- ♦ *Ili manĝas pli bone vendrede ol aliaj Kristnaske.*
- ♦ *Kio por mi pli malbonas ol Kristnaske, mi jam ĉiam suferas.*
- ♦ *Malsate kaj mizere - eĉ dum Kristnasko mi ne gustumis viandon aŭ kukojn.*
- ♦ *Mizeras je tiu plezuro kiu estas sensalajra, ankaŭ dum Kristnasko restas malgaja.*
- ♦ *Nenia spuro pri li eĉ Kristnaske li ne enhejmas.*
- ♦ *Konkordaj fratoj frandas viandon eĉ vendrede, dum aliaj eĉ ne Kristnaske.*
- ♦ *Ne estas al li destinite vivi en paco, se eĉ dum Kristnasko li ne povis trankviliĝi.*

*Marija BELOŜEVIĈ*
*http://esperanto.nu*

# VLADIMÍRVÁŇA: KIEL NI MORTIGADIS LEPORON POR LA ANTAŬKRISTNASKA VESPERMANĜO

Pasintjare je Kristnasko ricevis la patro de iu sia kolego en la oficejo vivan leporon. Ĉi tiun pliriĉigon de la antaŭkristnaska manĝokarto kvitancis la tuta familio kun dankemo - kompreneble, krom la avineto, kiu ĉiam opoziciis. Sed eĉ ŝi, vidante, ke ŝi estis de la familia konsilantaro voĉdone superita, eĉ ŝi submetis sin al ĉi tiu decido, kaj kiel persono sperta ŝi prenis sur sin la taskon organizi la tutan preparon de la leporo por la antaŭkristnaska vespermanĝo. Poste la avineto elserĉis en "La hejma konsilanto" la terminon "Leporo", kie estis skribite (paĝo 824): "Mortigado de la leporo - vidu la samon sub la termino 'Kunilo'." Ĉi tiu saĝa libro poste konsilis, ke "kuniklon, same kiel leporon, ni ekprenos je malantaŭaj kruroj kaj mortigos per bato inter la orelojn" (paĝo 381). Post ĉi tiu grava konstato estis la taskoj dividitaj jene: la patro - mortigo de la leporo, la patrino - ĝia prilaboro. La frato Fabiano estis tenonta la leporon je kruroj. La avineto - kontrolo de la tuta procedo. La aveto estis destinita kiel la unua, mi kiel la dua rezervulo. Poste do la afero komenciĝis. La patro suprenfaldis al si la manikojn, elprenis la leporon el kesteto kaj transdonis ĝin al la frato Fabiano, kiu - laŭ la konsilo - ekprenis ĝin je malantaŭaj kruroj. La patro dismetis la gambojn, trifoje profunde ekspiris kaj levis la manon, por doni al la leporo mortigan baton; sed subite la animal' ekkomprenis, ke la afero fariĝas grava - ĝi ekskuiĝis, kaj Fabiano kontraŭvole ĝin liberlasis. Anstataŭ la leporo ricevis la baton Fabiano; por la plua batalo li estis tiamaniere perdita. La avineto (kaj samtempe estro de nia familio) kiel la unua ekkomprenis la situacion kaj ekkuregis kontraŭ la leporo, kiu en senpripensa fuĝo zigzage kuregis tra la ĉambro. Bedaŭrinde, ŝia fulmorapida ago restis senefika, ĉar la leporo enkuris malantaŭ la ŝrankon - kaj evidente ĉi tiu loko al ĝi ekplaĉis, ĉar ĝi ne montris multe da emo ĉi lokon forlasi. Intertempe rekonsciiĝis kaj organizis sin pluaj



taĉmentoj, kaj post pli longa proklamo de la avineto, ke ŝi kontraŭstaris kaj avertis, kaj post mallonga familia interkonsento estis decidite la leporon elpeli kun helpo de balailo. Ĉi tiu ideo estis tuj realigita. La atendata rezulto ne venis, ĉar la leporo forkuradis antaŭ la balailo, sed ne forlasadis la lokon malantaŭ la ŝranko. La patrino alkuris kun brosbalailo, por helpi elpeli ĝin de la alia flanko. Ne vidante alian eblon, la leporo subrampis la ŝrankon, kaj ree komencis senpripense kuregi zigzage tra la ĉambro. En la batalon intermetis sin la patro; li ĵetegadis post la leporo kuir-tranĉilojn - sed li sukcesis nur frakasi la vitron en la fenestro, unu tranĉilon rompi kaj unu enigi en la pordon tiel profunden, ke ne estis eble ĝin eltiri. En ĉi tiu fazo de la batalo mi rangaltiĝis je la unua rezervulo, ĉar mi knokaŭtis la aveton per viandpistilo.

Post plua horo de la batalo estis mallonga ripozo, kiun uzis ankaŭ la leporo. Ĝi estis en angulo, moke vidigis la dentojn kaj starsidis. Tion mi ne povis toleri, kaj tial mi ĵetegis post ĝi denove la viandpistilon; ĉi-foje detruiĝis nur vitro de la libroŝranko. La batalo denove komenciĝis kun ankoraŭ pli granda rapideco kaj vervo, sed montriĝis, ke ĉiuj disponeblaj bataliloj, t. e. balailo, brosbalailo, resto da kuirtranĉiloj kaj viandpistilo, ke ĉiuj tiuj rimedoj ne sufiĉas. Subite venis al mi savoporta ideo: mi enkuris la loĝejĉambron kaj alportis al la patro kuglopafilon, por ke li mortigu la leporon tiumaniere. La patro ekcelis, sed poste li ŝanĝis sian decidon kaj donis al mi kapofrapon; kaj kiam li ekvidis, ke la leporo intertempe enkuris la loĝejĉambron, ĉar mi lasis la pordon malfermita, mi ricevis ankoraŭ unu kapofrapon. Jes, tiel la mondo rekompencas! La batalo transportiĝis en la loĝejĉambron, kio estis granda avantaĝo - por la leporo, kompreneble. Ĉi tie ĝi trovis multe pli da ebloj por defendo, kaj estas necese aldoni, ke ĝi uzis ilin rimarkinde. De tempo al tempo ĝi haltis kaj starigis la orelojn - sed tuj ĝi denove daŭrigis la vojon, ne permesante al ni respiri. La situacio estis senespera; la tempo senkompate pasis - estis jam la naŭa



vespere, kaj ni ankoraŭ senĉese ĉaspeladis la leporon, kiu kontraŭstaris al sia fatalo kaj estis kuranta de unu angulo al la alia, entute malatentante, ke ĝi estas destinita al la antaŭkristnaska vespermanĝo. La patro intertempe rompis ĉiujn restantajn tranĉilojn, kaj komencis do ĵetegadi post la leporo diversajn aĵojn, ekzemple paperpezilojn, cindrujojn, ŝuojn kaj inkujojn; kelkajn el tiuj aĵoj li sukcesis detrui komplete, aliajn nur parte. La persektutado denove ĉesis, ĉar estis necese retrovi la fortojn por plua, eble jam fine decidiga fazo de la batalo. la ĝisnuna stato de la batalo estis jena:

A. La leporo: viva kaj sana, perdoj: neniaj.

B. Nia familio:

1. hom-perdoj:
   a) la frato Fabiano intertempe rekonsciiĝis - sed vidante, ke la batalo furiozas sur alia fronto (en la loĝejĉambro), li uzis la okazon kaj eltrinkis al la patro duonon da botelo kun sorpa likvoro. Post malebriiĝo li estos transdonita al la milita tribunalo. Por plua batalo - malkapabla.
   b) la aveto ĝis nun ne rekonsciiĝis.
2. material-perdoj:
   a) du fenestroj kaj vitro de la libroŝranko frakasitaj, kvin kuir-tranĉiloj rompitaj, entute aŭ parte detruitaj kvar cindrujoj, du paperpeziloj, unu seĝo, unu brosbalailo, unu fajrostango.
   b) pluaj perdoj: ĝenerala stato de ambaŭ ĉambroj: kaduka. Estas necese alvoki la ĉambropentriston, lakiston, tapetiston kaj mebliston.

Post rekomenco de la batalo plenumiĝis la sorto de dekduo da desert-teleroj, kiujn la avineto ĵetegadis post la leporo kiel diskon, plue detruiĝis la edziniĝ-dotaĵo de teleroj kaj supujoj de mia patrino (mi piedpuŝetis - ĝis nun mi ne scias, kion - kaj detiris la tablotukon de sur la manĝopreparita tablo). La patrino faligis la kristnaskan arbeton, kiu brulneniiĝis. La batalo venis al sia kulmino. Laŭ ordono de estro de la ĉefa stabo (= la avineto) mi malfermis la pordon en la kuirejon. La leporo ne antaŭvidis ruzon kaj







denove enkuris la manĝaĵ-preparejon - sed ho ve! La afero finiĝis tute alie, ol ni atendis. Nome, subite iu ekfrapetis la pordon, kaj antaŭ ol ni povis iel reagi, la pordo malfermiĝis kaj malkaŝis al niaj surprizitaj okuloj nian najbarinon, sinjorinon Nováĉková. "Bonan vesperon, feliĉan kaj gajan Kristnaskon - kaj sanon, ĉefe la sanon, ĝi estas la plej grava", babilaĉis la najbarino el la pordo, eĉ iomete ne zorgante pri tio, ke la patro superŝutas ŝin per koleregaj rigardoj. Ni ĉiuj estis tiom surprizitaj per ŝia subita ekapero, ke ni ne estis kapablaj ekprotesti. Ankaŭ la leporo atenteme aŭskultis, sed vidante, ke ĉi tie ĝi ekscios nenion novan, ĝi uzis la okazon, ke la pordo restis malfermita, kaj definitive entombigis niajn esperojn pri sengrasa lepora rostaĵo. La patro terure ekmalbenis, enfalis en la monologon de la najbarino per ia stranga preĝo, "Dio mia, pardonu al mi, ke mi ekbategos ĉi virinaĉon - sed forprenu de mi iom da forto, por ke mi ne ekbategu ŝin tro, ĉar alie oni povus min malliberigi", kaj poste ĵetiĝis kontraŭ sinjorino Nováĉková; sed ŝi antaŭvidis la danĝeron kaj fuĝis. Iam mi aŭdis, ke malkontentigita koleregо povas malbone efiki je la sano; tial la patro - por eviti la eblajn sekvojn - donis al mi du kapofrapojn, ĉiujn ceterajn ekinsultis kaj foriris en restoracion, por tie vespermanĝi.

Jen, kiel ununura animalo povas detrui la trankvilon de la tuta familio! La patro forestas, la patrino ploras en la kuirejo, kaj la avineto prelegas al la kvar nudaj muroj pri tio, ke ŝi konsilis bone - sed neniu pri tio zorgis.

Intertempe rekonsciiĝis la aveto kaj la frato Fabiano - sed tro malfrue; tiel ili fariĝis nur atestantoj de la malglora fino de la batalo. Volonte helpi mildigi la pezan familian atmosferon, Fabiano komencis elakvigadi malgrandajn fiŝetojn el la akvario de la patro - laŭdire por la solena vespermanĝo. Pri ĉi tiu neaŭdita kaj malpia ago kondamnis lin la aveto-juĝisto al batpuno. Fabiano kronis sian pledparolon per vortoj, ke li agis sub influo de alkoholo kaj pro la juneca senpripenseco - sed la aveto estis senindulga. Vortoj de la verdikto plenumiĝis, pro kio la avnino pridonacis la plenumanton per la nomo "la



maljuna kanajlo" - ĉar kulpas ne la bubo, sed la malbona edukmaniero. Malŝarĝinte sian koron, la avineto foriris al noktmeza meso, la aveto - en gastejon.

Ĉiuj foriris – kaj ĉu mi restu hejme? Ankaŭ mi forlasis la naskiĝdomon, por partopreni en nia ŝatata antaŭkristnaska ludo. Sciu, estis ĉe ni unu germandevena mokinda policano; li nomiĝis Frideriko Fric, sed ni principe kaj senescepte nomis lin "Zweimal Fric"*. Ju pli li estis ridinda, des pli li estis severa Precipe li zorgis pri nokta trankvilo; li paŝis tra la stratoj, ĉiuvespere post la deka horo, antaŭkristnaske post la noktomezo, kaj atentis, ke neniu bruu kaj ke ĉiuj iru en ordo hejmen. Ni elpensis jenan ludon: ni diskuris tra la ĉefplaco, kaj subite unu el ni forte ekfajfis tra la fingroj. Zweimal Fric tuj kuris al li kaj serĉis la fajfilon (kiun, kompreneble, li trovis neniam); la akuzito malkonfesadis, mi ne fajfis - kaj subite aŭdiĝis fajfado el la kontraŭa flanko. Li do kuris tien, sed fajfsonoj senĉese antaŭ li forkuradis. Konkludinte, ke ni pellacigis lin sufiĉe, ni kuniris sur antaŭe interkonsentita loko, per la tuta forto ekkriegis: "Zweimal Fric!" kaj poste ni disiris hejmen.

Mi do ĝojis, kiel Zweimal Fric ree estos kuranta tra la stratoj, sed ĉi-jare la ludo ne okazis - kaj mi tuj diros al vi, kial. Mi elkuris el la domo - kaj kion mi vidas? Zweimal Fric pelas tra la strato nian leporon! Renversita mondo! Leporoj kuras tra la stratoj - ĉu li, la ŝtata oficisto, povas tion toleri? Li devas ĝin elpeli el la urbo. Kion dirus al li alie liaj superuloj? La leporo kuras sur la trotuaron, zigzagas, nun estas sur la ŝoseo - sed la policano ne laciĝas kaj sekvas ĝin kaptoproksime. Sed - kapti ĝin? Sensencaĵo! De maldekstre ruliĝas ŝarĝ-aŭtomobilo, de dekstre ankaŭ: la bremsoj ekgrincas, tintas vitro, ekkrio - sed la leporo elkuras viva kaj sana, kaj post ĝi - Zweimal Fric. Dank' al Dio, okazis nenio, ankaŭ ambaŭ ŝoforoj ĝustatempe elsaltis, sed la aŭtomobilojn riparos neniu plu.



La leporo daŭrigas. Zweimal Fric ĝin postsekvas. Kontraŭ ili paŝas avo kun bastono en la mano. La leporo enkuras al li sub la piedojn,





la maljunulo perdas la ekvilibron, falas kaj en instinko de memsavo eksvingas la bastonon, kiu trovas kiel celon la polican kaskon kaj surkapigas ĝin al Zweimal Fric ĝis la oreloj. La persekutado finiĝas - la leporo venkas kaj fuĝas, senĉese fuĝas for el la urbo. Ankoraŭfoje ĝi kaŭzas karambolon - ĉi-foje de kvar aŭtomobiloj kaj unu motorciklo - sed fine ĝi atingas la sopiratan arbar-randon kaj malaperas.

Zweimal Fric verŝajne vidis, ke la leporo elkuris el nia domo, kaj nia najbarino certe volonte al li sciigis, al kiu la leporo apartenis; alie mi ne scias klarigi al mi la fakton, kial la sekvantan tagon ekfrapis du policistoj senhezite ĝuste sur nian pordon. La patro ilin elĵetis, ekinsultis la najbarinon kaj eltrinkis reston da sorpa likvoro. Poste lia rimeno ekdancis sur certa korpoparto de la frato Fabiano, por ke li memoru ke alkoholaĵo ne estas taŭga trinkaĵo por infanoj - kaj kvankam mi eltrinkis nenion, ankaŭ mi havis la okazon gajni spertojn, ĉu la batregaligo per rimeno estas agrabla.

Necesas aldoni, ke la patron oni juĝos pro ofendo de ŝtata oficisto kaj ke li devas aĉeti al la policano Zweimal Fric novan kaskon. La patrino senĉese ploras.

La avineto forloĝiĝis, la aveto pasigas la tutajn tagojn en gastejo. La frato Fabiano forkuris el la hejmo, kaj mi malsukcesos en naturscienco. Krome, oni klasifikos miajn morojn kiel "ankoraŭ malkontentigajn", ĉar mi estas aroganta.

Diris al mi tion la instruisto, ĉar al lia demando, kion mi scias pri leporo, mi respondis "nenion", kaj poste mi rakontis al li ĉi tiun historieton.

* germana vorto "Zweimal" signifas en esp. traduko "duoble"

*Enkomputiligis Don HARLOW*

*ΠΠΠ*



Tiuj, kiuj ne scipovas legi la japanan skribon... klinu la kapon dekstren!